Nova Serio 1a jaro. No. 3 MARTO 1921.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## Savinto reviviĝis.

Malnova Pasko-kanto.

Savinto reviviĝis,
De mortkaten' seniĝis;
Li, vera Paska la ŝafid',
Suferis morton pro homid'.
Aleluja!

Nun estas hom' savita,
Satano katenita;
Al morto mankas turmentil',
Malplena l' tomb', for ŝtonkovril'.
Aleluja!

Venkinte gvidas aron,
Longtempe kaptitaron
Li al la patra imperi'
Perdita de Adam' por ni.
Aleluja!

Jen, vundoj briligitaj,
Por ni ja ricevitaj;
Anĝeloj kantas post sufer'
La venkon super mort' sur ter'.
Aleluja!

Ne dubu mia kredo;
Konsola, ho, koncedo:
Per lia reviviĝo mi
El tombo iros, kiel li.
Aleluja!

Mallonga l' nokt' kovronta,
Ĝis la anĝel' vekonta;
Min vokos la Savint' al si,
Senmortan regnon venos mi.
Aleluja!

Aleluja, Aleluja, Aleluja!
Reviviĝinta Jesu' vi,
Redonu vivon ja al mi.
Aleluja!

El Germana lingvo Esperantigis J. Sch.

# „Ika“-anoj!

Jam foriris kaj finis la duono de mia prezido-tempo! Sed ne ankoraŭ estas farita la duono de la laboro, kiun postulas la organizo de nia „Ika“ Kontraŭe: ĉiu laboro farita elvokas alian laboron farotan: ĉiu adreso alskribita aldonas aliajn adresojn, al kiuj nepre estu skribate. La laboro do ne finos, ne, dum la nuna jaro nek dum la sekvonta!

La „Ika“-laboro ne devas iam fini. Se jam la organizado postulas tiom da tempo, la efektiva laboro postulos multe pli ol la organizado, ĝi ja devos daŭri ĉiam.

Sed estas feliĉo, ke ni rajtas diri, ke nia Ikaco taŭge laboris kaj laboras, kaj ke, kvankam la sukceso ne ĉiam estas konforma al la laboro, tamen ni jam multe sukcesis. Terkulturisto, kiu semis, ne tuj rikoltas: la greno restas longtempe kaŝata en la tero: la tutan vintron ĝi dormas, ĝi eĉ ŝajne mortas: sed printempe ekmontriĝos, ke ĝi ne tute mortis, kaj somere kaj aŭtune vasta rikolto rekompencos la antaŭ-vintran laboran. Tiel ni ne senkuraĝiĝos, ne tuj vidante sukceson. Ne estas unujara laboro nia klopodo por disvastigo de la internacio katolika!

Tial pacience antaŭen, „Ika“-anoj! La pacienco estas forteco: la pacienco estas elmontrigo de daŭra kaj taŭga amo: la pacienco estas energio de la persisteco. Do, ni havu paciencon, ĉar ni bezonas forton, ĉar ni ŝatas nian celon, ĉar ni scias la ĉiuspecajn malfacilaĵojn de nia tasko.

Bonvolu vi ĉiuj en viaj diversaj landoj varbi por „Ika“! Skribu en la vialanda gazetaro pri nia movado, pri nia venonta kongreso, pri nia lingvo internacia. Fine ni nepre devas venki. Ne ekzistas alia ol nia metodo de internacia lingvo, por taŭge kunligi la diversnaciajn katolikojn de la tuta mondo, ne ekzistas alia, kiu ebligas sukcesi.

La konvinko de vi ĉiuj estas la sama, ĉu ne?

Do, vi ĉiuj laboru! Semu, semu! Ju pli doneme vi semos, des pli riĉa estos via kaj nia rikolto.

Gemert. Pastro Poell,
1. prez. de „Ika“.

---

# Kion diras la episkopoj pri „Ika“ kaj pri la Graz'a Kongreso.

Apostola Nunciejo,
München.

La subskribanta Apostola Nuncio kun ĝojego sciiĝis pri la laboro de „Internacio Katolika“, inspirata de la spirito de interpopola repacigo . . .

† Eugen Pacelli, ĉefepiskopo de Sardes,
Apostola Nuncio.

*

Ĉefepiskopejo Auch,
Francujo.

Treege mi aprobas vian projekton de Katolika Kongreso en Graz por la celo, unuigi ĉiujn katolikajn fortojn kaj kontraŭmeti ilin al la fortoj de la malamikoj de la Eklezio kaj de la societo.

Se ni scipovas grupigi nin, kiel ili faras ĝin, kioma potenco por la granda kaj sankta afero konfidita al ni!

La distanco ne permesas al mi, esperi, ke mi povos ĉeesti la kunsidojn, sed mi ĉeestos kun la koro, kaj mi petos Dion, ke Li benu viajn laborojn.

† J. Fr. Ernest Ricard,
ĉefepiskopo de Auch.

*

Apostola Vikariejo,
Kristiania, Norvegujo.

Elkore mi dankas vin pro la afabla invito, membriĝi al Internacio Katolika. Kial mi ne entuziasme salutu kaj benu la altcelajn klopodojn de tiu unuiĝo: defendo de nia sankta Eklezio kontraŭ ĝia potencaj malamikoj kaj akcelado de praktika katolika vivo sur ĉiuj teritorioj de la homara societo! Mi estos fiera vidi mian nomon sur la listo de la membroj. Malfeliĉe ne estos eble al mi, ĉeesti la kongreson . . . sed mi ĉeestos kun koro kaj animo

Kun kora saluto kaj beno

† J. O. Fallize, episkopo de Elusa,
Apostola Vikario.

---

# Esperanto — la helpa lingvo de „Ik[a]“.

(El prediko de P[ro] Francisko Meŝtan, dirita en la kapelo de la katolika submajstra domo en Wien dum solena Esperanto-Diservo okaze de la 8[a] ĝenerala kunveno de la Katolika Unuiĝo Esperantista Wien'a).

Esperanto-Diservo? Katolika Esperanto-Diservo? Ĉu tio estas ebla ĉe ni? Esperanto ja estas la sekreta lingvo de la Framasonoj, Socialistoj, Bolŝevistoj kaj Anarĥistoj! Ĝi estas juda elpensitaĵo, liberpensula agaĉo, kiun bona katoliko neniel ajn povas estimi, kiun li nepre devas abomeni!

Tiel pensadis sendube multegaj katolikaj gefratoj, leginte la anoncon pri tia Diservo aŭ aŭdinte, paroli pri ĝi.

Ĉu prave?

Ne, tute ne.

Esperanto estas lingvo neŭtrale homa, kaj Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas: La komercisto por siaj komercaj interrilatoj; la flugisto en siaj rondoj; la ruĝa-Krucano por Samarianaj servoj, la policisto, la tram- kaj vagonar-konduktoro, por doni klarigojn aŭ konsilojn al vojaĝantaj eksterlandanoj; la fra-

masono kaj bolŝevisto ankaŭ; por disvastigi siajn ideojn. Kaj la katoliko? Nu, la katoliko ne uzu por bonaj celoj tiun ĉi neŭtralan ilon; male, li evitu, abomenu ĝin, ĉar Esperanto estas . . .

Ho, kia malpraveco, kia malvastkoreco! Sciu la dubuloj kaj la timemuloj: Esperanto ne estas produkto de la infero. Ĝi estas elĉiela donaco; ĝi estas unu el la donacoj de la Sankta Spirito, kiujn menciis S^ta^ Paŭlo, la apostolo, en lia unua epistolo al la Korintanoj, skribante en la 12^a^ ĉapitro (v. 8—11): „Al unu estas donita per la Spirito la vorto de saĝeco; kaj al alia, la vorto de scio, laŭ la sama Spirito. Al alia, fido, en la sama Spirito; al alia, donacoj de resanigoj, en la sama Spirito; kaj al alia, energioj por mirakloj; kaj al alia profetpovo; kaj al alia, distingoj de spiritoj; al alia, diversaj specoj de lingvoj; kaj al alia, interpreto de lingvoj; sed ĉiujn tiujn donacojn energias la unu kaj la sama Spirito; dividante al ĉiu aparte, kiel al Li plaĉas.“ —

Tiu ĉi sama Spirito ankaŭ dividis, kiel al Li plaĉis, ĝuste antaŭ la komenciĝo de tute nova tempo, al katolika pastro kaj al hebrea kuracisto la povon, solvi la gravan mondlingvan problemon kaj prezenti al la mondo la unu komunan lingvon, je kiu la homaro, disigita per Dia punjusteco en tiom da diverslingvaj gentoj ne komprenantaj unu la alian, sopiris dum la pasintaj cent- kaj miljaroj. „Volapük“ de la prelato Schleyer entuziasmigis milionojn de homoj en la tuta mondo por la ideo de tutmonda lingvo, sed nur per „Esperanto“ de D^ro^ Zamenhof la bela sonĝo de l' homaro por eterna ben' efektiviĝis. Esperanto, elprovita kaj hardita per la fajro de la milito tutmonda, estas la unu vera komuna lingvo, al kiu Pio X^a^ anoncediris grandan estontecon, la lingvo, kiu „faros grandajn servojn al la Eklezio“ (Kard. von Rossum); la lingvo, kiu „taŭgas, por defendi la katolikan veron“ (Kard. Piffl). Spite la diversaj novaj mondlingvaj projektoj kaj sistemoj, kiuj jam estas elpensitaj kaj ankoraŭ estos elpensataj kiel „la plej perfektaj“, jen tie ĉi, jen tie, Esperanto restos la unu vera komuna helpa lingvo de l' homaro, same kiel la sankta katolika Eklezio estas kaj estos ĉiam la unu vera Eklezio inter ĉiuj aliaj religiaj societoj, kiuj ankaŭ nomas sin „veraj kaj savigaj eklezioj“.

Tuj, kiam Esperanto aperis en la mondo, saĝaj kaj prudentaj katolikoj, inter ili ankaŭ episkopoj kaj pastroj, ekkonis la gravecon de tiu lingvo por la interesoj de la sankta katolika Eklezio. Por ĝia disvastigo kaj uzado en katolikaj rondoj tiuj ĉi unuaj katolikaj pioniroj oferis ĉiujn siajn fortojn korpajn kaj spiritajn, sian sanon, eĉ sian vivon. Dum ĉiuj kongresoj, de la unua en Boulogne sur mer ĝis la du lastaj, la universala kaj la katolika kongresoj en Den Haag, solenaj Esperanto-Diservoj kunvenigis katolikojn diverslingvajn el la plej malproksimaj landoj ĉe la altaro de Dio. Dum ĉiuj oni preĝis al sia unu komuna Patro en Esperanto, la unu komuna lingvo, laŭdis Dion kaj la sanktan Dipatrinon, kantante en tiu sama unu lingvo, konfesis al pastro siajn pekojn en tiu sama lingvo. Dum la kongres-kunsidoj la katolikoj pritraktis en tiu sama

unu lingvo la plej gravajn temojn de la sociala kaj religia vivo kaj la Sankta Patro sendis, ĉiufoje, la Apostolan Benon al la kongresanoj. Lastfoje tion faris la Papo Benedikto XV[a], benante la VI[an] internacian katolikan kongresòn de Esperanto, kiu rezultigis la fondon de la Internacio Katolika kaj la alprenon de Esperanto kiel oficiala helpa lingvo por ĉiaj internaciaj katolikaj interrilatoj.

Ni ĝoju, ĝojegu pro tiu ĉi fakto, donanta fine al Esperanto la lokon, kiun ĝi meritas en la katolika Eklezio. Kredeble. Esperanto nun ĉesos, esti nur la evitinda „framasona" lingvo. Ĝi estos kaj devos esti ekkonata ankaŭ kiel „katolika" lingvo, kiel nova ligilo, kiun ni katolikoj alligas al la malnova firmega ligilo, unuiganta nedisigeble, la katolikojn al unu komuna kredo konanta neniajn limbarojn. Efektive, unu komuna lingvo estas taŭgega, por pli bone kompreni unu la alian, por ami unu la alian, por zorgi unu por alia. La komuna lingvo forigas la kontrastojn kaj ebligas al la presita vorto, ke ĝi penetru la plej malproksimajn angulojn de la mondo, sen timo, ke ĝi ne estos komprenata. La komuna lingvo estas la vojo al la koro, al la paco.

---

# Katolika Ligo de la Popoloj.

De Dro P. Aŭgusteno Galen, O.S.B., en „Das neue Reich" (La nova regno).

(Fino.)

Por ni katolikoj estas la devizo: ordigi la propran domon kaj superi ĉiujn rezistojn, kiuj kontraŭstaras la plenumon de la belega ideo de unio.

Antaŭ ĉio forigu ni ĉian pesimismon! Tio povas sukcesi, ĝi devas sukcesi, ĉar neniu societo en la mondo ariĝas, kiel la katolika, ĉirkaŭ tiel superteraj kaj potencegaj idealoj. La ideo de unuigo ja estas intima eĉ — por tiel diri ĝin — alnaskita al la sentado de ĉiu katolika koro.

De nun ĉiu katoliko sentu sin hejma ne nur, kiel ĝis nun jam ĉiam, en ĉiu katolika preĝejo sur la mondo; ne, li gustumu la antaŭguston de la eterna hejmo ĉie sur la tero, kie loĝas katolikoj. Ĝuste tiu malamo, kiu disigis dum la tutmonda milito eĉ katolikajn popolojn, vigligis jam multaloke la sopiran vokon je tia emo por la komuna katolika bono.

Prototipa, kiel en ĉiuj aferoj de nia kredo, ankaŭ en tiu ĉi estas la katolika Holando. Je la 21[a] de Februaro la bonega „Maasbode" ekvokis pri katolika internacio. „Ĝi estas ekipo, ja nur homa ekipo", estis skribate en ĝi, „sed potenca natura ilo, kiu potence fortigu nian internan pozicion, interligo de la katolikoj en ĉiuj partoj de la mondo krom la supernatura ligilo de la kredo kaj de la hierarĥio. Do, organizo, kiu estas efektivigata per la katolika popolo mem, kompreneble sub la kontrolo kaj la gvido de la papo kaj de la episkopoj. Kio fortigas Davidon Wijnkoop, la gvidanton de la Holandaj komunistoj? La helpo de aliaj landoj, precipe tiu de la Rusujaj rubeloj! Kial Troelstra iras Stockholm'on kaj Bern'on? Ke li per internacia organizo plifirmigu la socialismon. Kial la kulto de Ferrer ĝiatempe atingis tiom abomenajn proporciojn? Ĉar per premo sur la sekretan butonon ĉiuj internaciaj ligoj de framasonoj ekribelis. Sed, se ni ĉi tie rimarkigas la nun

ekzistantan deziron je tiu ĉi nova forto de estonto ĝi okazas antaŭ ĉio, por montri, kiom belege fortaj ni estus, se tuj — kaj multaj antaŭsignoj signalas tion — tiu ĉi katolika internacio efektive fariĝus realaĵo. „Ne estas tro multo dirita," skribis „The Universe" la 6an de Februaro, „ke kelkaj grandaj katolikaj interesoj, kiujn nuntempe ni devis foroferi, estis savéblaj — se estus ekzistinta organizo, kiu povis prezenti al la tuta katolikaro la danĝeron kaj tiamaniere direkti la tutan katolikaron kontraŭ la centron de la atako. Malmultaj registaroj, kiuj eble estus povintaj rezisti al la katolikaj elementoj en ilia propra lando, kuraĝus opozicii kontraŭ la organizita publika opinio de la tuta katolikaro. Tiu ĉi principo tre bone estas ilustrata per plej novtempa okazintaĵo: La Holandaj katolikoj estis tiuj, kiuj per sia financa subteno konservis kontraŭ pereo la revuon ‚Gral', kiu sur la teritorio de la katolika literaturo havas tiom grandajn meritojn. Kaj, se la influo de unu persono — Monsro Nolens — dum la internacia labor-kongreso (Washington) povis esti tiom granda, kio okazos, kiam bone organizitaj fortoj estos ekuzataj por iu certa afero? Antaŭ ĉio ni konsideras ĉi tie tri farotaĵojn: internacian katolikan unuiĝon de laboristoj, internacian katolikan sciencistan unuiĝon kaj ‚last not least', internacian katolikan gazetar-oficejon."

Sed ni ne opiniu, ke tiaj voĉoj venas nur el neŭtralaj landoj. Ni ja jus aŭdis, ke „Maasbode" citis Anglujan revuon. Miaflanke mi en ĉi tiu loko dezirus doni la vorton al kondukanta voĉo de la juna katolika Francujo, al la konata verkisto René Johannet. La revuo „La Renaissance politique, littéraire, économique" aranĝis ènketon ĉe aro de viroj en la publika vivo: Kia estu laŭ la opinio de la Franca inteligentularo nia konduto kontraŭ Germanujo? En sia respondo la aŭtoro pritraktas tiun demandon tute ne laŭ la katolika vidpunkto, sed laŭ tiu de pura eksterenpolitiko, do de nur-Franca. Ankaŭ tiel liaj klarigoj celas fine postulon pri katolika unio kiel la ununura certa garantio de paco. Johannet skribis: „Eĉ, se ni estus tiom malprudentaj, pensi por Francujo barbarecan izoliĝon kontraŭ Germanujo, la kvalito de nia Rejn-limo kaj jam nur la plenumo de la kontrakto-kondiĉoj malhelpus nin — feliĉe — faktigi tiun izoliĝon!. Efektive, nian konduton kontraŭ Germanujo ni ne povos aranĝi laŭ libera nia elekto. Niaj bezonoj, la tien kaj reen de la politikaj celoj kun la ligita kun tio ŝanĝo de la partiaj plimultoj, la energiaj postuloj de niaj konfederitoj (okazis, ke niaj kondukantaj viroj pro promesoj, kiuj tiam fariĝis, ja tro frue, seniluziigoj, forliveris nin kun ligitaj manoj kaj piedoj al la Angla-Saksa ĵaluzo), ĉi tio kune signifas gigantan nekonatan grandon, kiu permesas al ni nur tre malcertajn kaj tre malmultvalorajn rigardojn en la estonton. Kaj poste . . Germanujo, tio facile estas dirita. Same kiel en Francujo laŭ la regionoj, la sferoj de interesoj, la vidpunktoj, la antaŭjuĝoj, la sferoj de ideoj, du aŭ tri manieroj de ideaneco estas eblaj unu apud alia, same tiel en Germanujo oni povas diferenci proksimume kaj samtempe dek aŭ dekdu politike-ekonomiajn sferojn de ideoj (existences), kies fragmenta aŭ sinsekva apero postulas de ni tre diversaspecan komprenon. La kondiĉo de sukceso ŝajnas al mi precipe bazita sur jena praktika demando: Kiun el la ideoj pri „Germanujo" ni favoru laŭ nia propra intereso? Kiun ni ĉiakondiĉe devas sufoki en la ĝermo? En tiu ĉi senco mi tute ne hezitas, respondi al ili: Ĉiu pozitiva Germanuja-Francuja paco-politiko

devos fundamentiĝi sur alproksimiĝo de la Germanujaj kaj la Francujaj katolikoj. Pli malpli frue sonoros tiu horo, en kiu la registoj en la Germanuja regno persekutos la katolikismon, kiu malgraŭ ĉio estas la ununura honesta forto en Germanujo. Rilate al tiu Germanujo, kiu — mi ne timas, diri tion — malgraŭ kelke da ĝiaj blindigitaj gvidistoj, estas virta kaj grava, kiu etendos siajn brakojn al iu ajn, ni devos fari decidigan paŝon. Aŭ ni forlasos ĝin al la Prusaj, socialistaj kaj „evangelianaj" manĝegemoj, aŭ ni helpos ĝin .. La esprimo „Ligo de popoloj" ĝis nun servis nur kiel preteksto por tute ne aprobindaj entreprenoj. Ni ne havas motivon, pensi, ke la estonto iel aliiĝos tiun fakton. La momenta paco ne estas rezulto de la kontrakto; ĝi ekzistas malgraŭ la kontrakto, kiel sekvo de la ĝenerala elĉerpiĝo. La milito ree komencos, kiam iu el la venkitoj trovos en si la kuraĝon, diri ne kaj per armiloj doni energian subtenon al lia rifuzo. Mi ripetas, ke mi eblecon de daŭra paco ekster la katolikismo ne ekkonas. La Wilson'aj fantaziaĵoj, la Angla-Saksa imperialismo, la burleska sovaĝeco de la diversaj socialismoj alportos al ni nur sangon kaj larmojn. Se io frapante elmontriĝas el tiu longa peco de la tutmonda historio kvinjara (1914—1919), ĝi estas la malkapableco de la liberalaj, socialiste inspirataj, hipokrite plutokrataj demokratioj, disvastigi ordon ĉirkaŭ si.

Al mi ŝajnas, ke nun venis por la Eŭropaj katolikoj la momento, aperi kiel aganta politika potenco. Ili solaj konservas ankoraŭ pli altajn principojn kaj savas la restaĵojn de civilizo. Oni rigardu ja, kion donis al ni Luther, kion estigas la ortodoksio. Mi ne trovas solvon por la tutmonda krizo, krom konkreta, videbla interkonsento de la katolikoj en la diversaj ŝtatoj, inkluzive la katolikoj en Germanujo, Irlando, Aŭstrujo kaj Hungarujo. El tuta mia koro mi alvokas tiun politikan kongreson, per kiu komenciĝos tiu nova ordigo de la aferoj. Ĉio cetera estas polvo, hipokrito, surogato. Eŭropo postulas justecon."

Tiu paceme sonanta vorto el Paris trovas kvazaŭ respondon en artikolo de „Historisch-politische Blätter" (Historie-politikaj folioj, Vol. 165, pag. 443), kiu finas per jenaj frazoj: „Kia ajn fendego kaj tombo ja malfermiĝos ankoraŭ en la nunaj tagoj inter Germanujo kaj Francujo, ĉu ni konsumiĝu, por ĝojo de triaj, por ĉiam en blinda, senfrukta ne-Kristana malamo? Ĉu ne la en ĝia kerno katolika Franca popolo, senigita de la veneniga ĉirkaŭvolvaĵo de materialista spirito kaj liberigita de la surdiga ĉirkaŭpreno de ĝiaj nuntempaj revenĝemaj tiranoj, estus destinita, pli malpli frue manon en mano iri kun la Germana popolo, por ŝirmi la konstruitan sur la fundamento Roma-Galia civilizon de Eŭropo kaj la liberecon de la Eŭropaj ŝtatoj kontraŭ ĉiu minacanta ilin tropotenco? Efektive, la estrojn de tiu iam laŭdita kiel kavalireca nacio regas ankoraŭ revenĝemo nesatigebla ĝis plena ruinigo de la brava malamiko, kiun ĝi ne per propra forto sed nur kun fremda helpo povis faligi. Sed kiu estas la vera venkinto?*) Se ne ĉio trompas: ne nur por Germanujo sed ankaŭ por Francujo la fatala horo jam sonoris. Eble sinorientado de la Germanujo kaj la Francuja politikoj sur la bazo de la unuiganta la popolojn Kristaneco montros sin por ambaŭ kontraŭuloj de hieraŭ urĝa neceso."

---

*) La aŭtoro opinias Anglujon.

Certe ekzistas tiaj, kiuj ĝojas pri ĉiu malagordo inter katolikaj popoloj kaj laŭeble favoras tiun. Antaŭ mallongatempe ankoraŭ ja rondiris frapanta sciigo tra la gazetoj, kiu scipovis raporti pri juda organizo, kiu estu celanta mizerigon de la Kristanaj popoloj kaj starigon de juda imperialismo („Reichspost“ 20a de Majo 1920a.) Oni ne povas kompreni, kial estus permesite al la plej diferencaj potencoj, interligi sin por malutilo al la Kristanaj popoloj kaj al la Kristana eklezio, sed ke ni katolikoj devu resti dissplitigitaj, por ke ni tiom pli facile fariĝu viktimo de la kontraŭuloj. Kaj, se tiu juda oganizo volas atingi laŭdire siajn celojn per tio, ke ĝi klopodas, al la Ariaj popoloj „kompensi la idealistan idearon de la Kristana kulturo per vivpercepto regata nur de monhavemo, per materialista skeptikismo aŭ per cinika avido je amuzoj“, ni katolikoj, unuigitaj sur la tuta tero, tiom pli energie antaŭenigos supernaturajn, venkantajn la mondon kaj la materion komunajn idealojn. Fine ni liberigos nin de la moderna idolismo de troigita naciismo kaj la dancon ĉirkaŭ la ora bovido ni lasos al tiuj, kies patroj iliatempe eltrovis ĝin. Materialismo kaj nacia ŝovinismo ja lastakaŭze eksplodigis la tutmondan militon kaj antaŭ ĉio cetera kaŭzis la pereon de Aŭstrujo. „Journal des Débats“ tiurilate publikigis raporton, kiun la framasono-ĉefo Mazzini liatempe direktis al la revolucia centra komitato en London. En tiu oni legas: Iu elokventa voĉo parolis rilate Aŭstrujo vorton, kiu ĉiom diras: Delenda est Austria. Ni en London, Paris kaj eĉ, se estas eble, en Berlin, ne povas esti sufiĉe agantaj, por malhelpi Aŭstrujon. Mi havas potencajn motivojn, por opinii, ke la lertaj klopodoj de tiuj, kiuj, ne sciante ĝin, servas al niaj interesoj, en tiu rilato havos en Berlin iom da sukceso. „Delenda est Austria“, estas la unua kaj la lasta vorto en nia agado kontraŭ tiu potenco. Oni devas ekokupi Prusujon per stimulado de ĝia militista honoro kaj de ĝia ĵaluzo, oni devas ekposedi Aŭstrujon per tio, ke oni incitas la diversajn naciojn unujn kontraŭ la aliaj.“ Ni demandas: Ĉu tiu framasona recepto ne estas senreste plenumita en nia mizera patrujo? Kaj ĉu la katolikaj popoloj sur la tero ankoraŭ nun ne ekkonas, al kies interesoj ili servas, kiam ili reciproke kontraŭbatalas? „Se iam,“ cinike skribis ‚Zeitschrift für Freimaurerei‘ (Revuo por framasonaro, presita kiel manuskripto, 1828, p. 320) „la tuta mondo estos la templo de la ordeno. tiam la potencoj de la tero mem klinos sin kaj al ni lasos la regadon de la mondo kaj al la popoloj la liberecon, kiun ni preparas al ili.*) Ke ni ja lernu de la kontraŭulo! La malkonsenton ili lasas al ni! Ni plej energie rifuzas. Ne, sufiĉe longatempe la malamo festis siajn orgiojn. Tial unue la plej intima unuiĝo de la katolikoj en ĉiu unuopa lando! La unua nura, sed nepre necesa antaŭkondiĉo por tio estas la celkonscia konservado de la katolikaj principoj, tiam seriozaj diferencoj inter katolikoj ne povos ekzisti. Eble mankas jen kaj jen kuraĝo, pledi senindulge por la katolikaj principoj — en unuiĝo trans la landlimoj eĉ la malfortuloj akiros energion, por malfaldi malkaŝe la katolikan standardon.

La vojo al tia popolunuiga katolika solidareco estas surpaŝita jam sur diversaj teritorioj — kaj estas signife, ke el Aŭstrujo eksonis la unua voko al kuniĝo — el tiu Aŭstrujo, kie de centjaroj la komuna kredo krom la

*) Vidu „Petrusblätter“ (Petro-folioj) 1920, p. 232 k. s.

komuna reganto unuigis la diversajn naciojn. „Der Gral“ sub la pruvita gvidado de nia Aŭstruja poeto Francisko Eichert volas helpi, sur la ura teritorio krei la ligon tutmondan de la katolikaj popoloj. „Viva, kiel la tutmonda eklezio, estiĝu viva tutmonda literaturo“, skribis Pro Muckermann, S. J., en la akompanvorto al la unua numero. „Fariĝu interŝanĝo neniam ripozanta inter la spirit- kaj lingvo-potenculoj en ĉiuj landoj, komuna himno el la voĉoj de la popoloj.“

Kio ĉi tie en Wien (akcelate ankaŭ de la ĉiusemajna gazeto „Das Neue Reich“) prepariĝas, tion en München provas la „Katholische Liga für praktische akademische Kulturarbeit“ (Ligo katolika por praktika akademia kultur-laboro) per internacia alproksimigo de la katolika studentaro. Similo komenciĝas ĉe la katolikaj laborist-organizaĵoj kaj la kamparanaj: unuiĝo en ĉiuj landoj. Jam nun la delegito Kristiano Fischer povis skribi en „Reichspost“ (21. Mai 1920): Mi antaŭ plena publiko akuzas la ŝtato-kancelieron D^ron^ Renner, ke per tia procedo li kuraĝigas la socialdemokratajn teroristojn al ilia konduto (kontraŭ la katolikaj laboristoj) Sed ni la honton de la socialdemokrata terorismo ja sciigos al niaj frataj asocioj en la eksterlando.“

Tiu estas la ĝusta vojo. Sed, por povi surpaŝi ĝin sukcesplene, oni bezonas senriproĉe laborantan, internacie plej intime kunigitan katolikan gazetaron. Ĝi devus esti subtenata per komuna telegraf-oficejo en la plej granda stilo, kiu per sia solideco, prompteco kaj multflankeco malnecesigas la uzadon de ĉiuj kontraŭ-Kristanaj oficejoj de la tutmonda gazetaro. Eble la bonega Svisuja „Kipa“ estus evoluebla ĝis tia. Nur per la gazetaro estas kreebla kaj konservebla tiu konstanta spirita kuniĝo inter la katolikaj popoloj, kiun ni tiom urĝe bezonas.

Mi ripetas: Ni ja lernu de la kontraŭulo! Ili, la potencoj de la morala kaj de la politika revolucio, estas tiuj, kiuj venkis en la tutmonda milito, neniel la Entente; sed ĉe tiuj potencoj al la naciismo neniam estis permesate, paralizi. Tiun venenon kaj ĝiajn disfaligajn efikojn oni lasis „malegoiste“ al la Kristanaj popoloj. Sed la ideo de renverso ne konis landlimojn, nek en la formo de socialismo, komunismo, bolŝevismo, nek en tiu de framasonismo; ĉu do nur la katolikoj ankoraŭ nun lasu direkti sin de tiu signalvorto?

Oni ne malĝuste komprenu min! Ni katolikoj havas nian patrujon, ni amas ĝin ĝis fordono de nia vivo por ĝia ŝirmo; ni estas entuziasmitaj por nia popoleco, kiu laŭ Kristana kompreno estas nenio alia ol pligrandigita familio de la unuopaj homoj. La nacio estas alta natura bono, de Dio mem donita al ni ĉe nia eniro en la mondon. Sed la plej alta el la bonoj ĝi ne estas. Tio estu la plej energie akcentata, kontraŭ tiu idolismo, kiu nuntempe estas ekzercata pri la nacia ideo. Homojn kaj popolojn ligantan, alte levantan ilin super la sferon de naturaĵoj, ĉar preparantan por supernatura vivo, Dio mem fondis por ni la katolikan eklezion. Kompare kun la eternaj bonoj, kiujn ĝi al ni peras, la surteraj naciaj interesoj estas apenaŭ valoraj, ili devas esti metataj malantaŭen. Ĉar la sanktan leĝon de nia supernacia katolika komuneco ni aŭdis el la buŝo de ĝia Dia fondinto: la leĝon de amo. „Vidu, kiel ili amas unu la alian“! Tio estu praktike montrata al la mondo, kiel en la unuaj tagoj de la Kristaneco Ĉu tiu katolika amo ne ree varmigos la materialistan mondon? Ĉu ĝi ne instruos, vidi ankaŭ en

politika kontraŭulo fraton erarintan, kies principojn oni kontraŭbatalas, sed kies personon, kies nemorteblan animon oni amas?

Povas esti, ke niaj klopodoj pri unuigo elvokos kriadon de teruro en la tendaro de la malamikoj. Povas esti, ke malĝusta klarigo, malĝusta kompreno kaj kalumnio batalos kontraŭ ni. Tio ne unu momenton erarigos nin. Ni scias: Kion ni aspiras, tio servas ne nur al la savo de la katolikoj, sed al tiu de la tuta, eĉ la senkredula mondo; ne malamikeco kontraŭ ili kunigas nin, sed: Caritas Christi urget nos.

Sed, se ni volas esti indaj je tiom grandaj aĵoj, ĉiu devas komenci unue ĉe si mem kaj superi la malhelpojn de vera katolika vivo en propra lia koro. Misia emo devas veni en nian popolon, la hejmenvoko de Dio fine de ĉiuj devas esti aŭdata. De la fatala faro de Luther venas la granda parto de nia mizero: senbara subjektivismo, malrespekto al aŭtoritato; nur de la katolika eklezio povas fariĝi resaniĝo al la Germana popolo. Tial — por tiel diri ĝin — la sango-cirkulado interne de la tuta katolikaro devas renoviĝi vive kaj plenpotence. Sanan katolikan sangon bezonas kelke da popolpartoj; kelke da landoj malhavas freŝan, ĝojan pri kredo vivon. Jen kaj jen ĝi montras sin en miriga perfekteco — ĝi ja fariĝu fruktodona kun ĝia superfluanta forto ankaŭ al la katolikaj fratoj en aliaj landoj. Se unu membro estas malforta, la fortaj devas ekhelpi ĝin kaj ĝi mem fariĝos forta per unueco kun la ceteraj. Tiu unueco ne restu nur ideala, ĝi fariĝu praktika, ĝi pruviĝu en la surtera vivo de la popoloj, sed precipe en la defendo, la ĝuo kaj la viva efektivigo de la komunaj religiaj bonoj. Ĉiuj katolikoj sur la tero devas esti konsciaj, ke ili ja estas komunaj bonoj, kaj ke, se ili ie ajn estas minacataj, tio tuŝas plej intime ĉiujn samkredanojn. (Esperantigis H. Fahnl-Wien.)

---

# Al la Kristanoj de ĉiuj nacioj!

Komencante tiun-ĉi nian leteron al Vi, amataj en Kristo Fratoj kaj Fratinoj, ni salutas Vin per saluto de l' tuta Kristana mondo: Laŭdata estu Jesuo Kristo!

Laŭdata estu Tiu ĉi, kiu per sia turmento fariĝis Savinto de l' mondo, — laŭdata estu Tiu ĉi, kiu instruis pri la Amo kaj ordonis ami ĉiujn senescepte homojn.

Laŭdata estu Tiu ĉi, kies sankta instruo tutan mondon venkis, — laŭdata estu Tiu ĉi, kiu diris: Amu viajn malamikojn kaj bonfaru tiujn ĉi, kiuj vin malamas.

Laŭdata estu Tiu ĉi, kiu per sia kruela turmento la mondon savis kaj montris al la homaro novajn vojojn de l' vivo, vojojn de l' Amo.

Jesuo Kristo, nia komuna Savinto, instruis pri la Amo ĉiujn naciojn de l' tero. Li instruis, ke ami sian propran landon kaj sian propran patrujon, ne signifas malami aliajn landojn kaj aliajn patrujojn. Li instruis, ke oni devas forĵeti ĉian malamon, do ankaŭ malamon al aliaj nacioj. Li instruis, ke oni devas ami ĉian homon, ĉar ĉiu homo estas nia proksimulo.

Tiel ĉi instruis Kristo, kaj Lia sankta, potenca instruo venkis la mondon. Lia instruo venkis la antaŭ-Kristan idolanan mondon, kiu diradis: Okulo

por okulo! Dento por dento! Lia instruo venkis la idolanan ideon de malamo, kaj kreis mondon novan, mondon de l' Kristana amo al ĉiuj homoj kaj al ĉiuj nacioj.

Laŭ la Sankta Instruo de Kristo, de kiu bedaŭrinde ĉiuj nacioj deflankiĝis, la amo al propra nacio ne signifas malamon al alia nacio. La Sankta Instruo de Kristo anoncas, ke oni devas ami sian propran familion, sian propran landon kaj propran patrujon, sed ankaŭ ĉiujn senescepte homojn! Tiu ĉi instruo signifas, ke neniu Kristana nacio devas malami alian nacion, — ke ĉiuj Kristanaj nacioj devas fari unu grandan Kristan familion, kiu amas eĉ aliajn, ne-Kristanajn naciojn kaj konfesojn!

La Sankta Instruo de Kristo anoncis al la tuta homaro vivantan veron de l' feliĉo, anoncis ideon de l' pardono, ideon de amo, konsento kaj paco.

Hodiaŭ, post kruela milito de preskaŭ ĉiuj ŝtatoj kaj nacioj, — hodiaŭ kiam la tuta Kristana mondo spiras ankoraŭ per fajro de batala krueleco kaj estas plenigita per Kristana sango disverŝita sur batalkamparo, — hodiaŭ, kiam milionoj de homoj estas mortigitaj tial, ke Kristanaj nacioj deflankiĝis de l' sankta instruo Jesua, — hodiaŭ fine, kiam ni en ŝvito de grandega laboro komencas labori, por sanigi kruelajn vundojn, kiujn la milito al ĉiuj nacioj portis, ni devas turni nin antaŭ ĉio al la plej granda trezoro de l' homaro, al la sankta kaj belega instruo de Kristo, — ni devas turni nin al tiu ĉi trezorejo de l' amo kaj preni el ĝi Kristajn direktilojn por la tuta homaro, — direktilojn, kiuj ĉiam brilos kiel Diaj perloj, kiuj ĉiam havos por la tuta homaro Dian signifon.

Ni devas turni nin al ĉi tiu trezorejo de Kristo kaj rememorigi al ni, kio en ĝi estas, ĉar bedaŭrinde — konfesu ni tion malkaŝe — ni ĉiuj forgesis ĝian Dian enhavon.

Ni forgesis la amajn ideojn de Kristo, ni forgesis la ideojn de pardono kaj de konsento, — ni forgesis, ke celo de la naciaro estas ne malamo, sed amo!

Amo antaŭ ĉio al propra familio, poste al propra patrujo, poste al la tuta homaro!

Ni forgesis, ke antaŭ milnaŭcent jaroj Kristo pri tute aliaj ideoj instruis, ol ni ilin hodiaŭ konfesas.

Nia Savinto instruis pri la amo, kaj ni nin malamas, li instruis pri pardono de kulpoj, kaj ni konfesas la idolanan ideon: Okulo por okulo, dento por dento!, — li instruis pri feliĉo de l' vivo, kaj ni sekvas la ideojn, kiuj kondukas al malfeliĉo!

Ke vere tiel okazas, estu ekzemplo: la lasta milito. Kristanaj nacioj, kiuj, anstataŭ ami sin reciproke, ĉiam sin malamas, komencis militi . . . . Kristano mortigadis Kristanon, elrompadis du dentojn por unu dento al li elrompita, forbruligadis vilaĝojn kaj urbojn, ruinigadis kaj rabadis havaĵon de lia proksimulo La Kristano anoncadis ideojn de mortigado, bruligado kaj neniigado, ideojn de kruela nacia malamo.

Kaj, vere, la tuta homaro droniĝis en sango. Sangiĝis purpure ĉiuj riveroj de Eŭropo, la Kristana kulturo kaj la sanktaj vortoj de Jesuo silentiĝis en bruego de kanonoj kaj rapidepafantaj armiloj.

Kruele pentis tuta homaro la deflankiĝon de l' sankta instruo Krista. Kruelajn vundojn akiris ĉiuj nacioj pro tio ĉi, ke, anstataŭ ami sin en Kristo, ili malamis sin kaj mortigadis.

Do hodiaŭ, post finiĝo de l' stranga batalo kaj sinmortigado, estas plej alta tempo, por reveni al la instruo de Kristo. Plej alta tempo, por eligi el niaj koroj malamon, kiu makulas animojn de ĉiuj nacioj; plej alta tempo, por ke ĉiuj Kristanaj nacioj pardonu al si reciproke siajn ofendojn kaj maljustaĵojn.

Plej alta tempo, por ke sur sangita tero fine Kristo ekregu!

Plej alta tempo, por ke la tuta homaro ekiru la **novajn vojojn**, la vojojn de l' Krista instruo!

Plej alta tempo, por ke ĉiunaciaj Kristanoj ĉesu, sin malami kaj komencu, sin a m i!

Ni do turnas nin al la Kristanoj de l' tuta mondo kun plej varma alvoko en la nomo de Kristo, ke ili forĵetu el siaj koroj la nacian malamon, ke ili malamu ĉion, kio la Kristanajn naciojn apartigas, kaj ŝatu, ĉion, kio ilin alproksimigas!

Ni do turnas nin al la Kristanoj de l' tuta tero, ke ili amu siajn landojn kaj siajn patrujojn, sed ne malamu, sed ne malŝatu fremdajn landojn kaj fremdajn patrujojn!

Ni devas heziti ĉion, kio Kristanajn naciojn dividas, kaj serĉi tion, kio Kristanajn naciojn kunigas. Kunigas nin unu kredo je Kristo, unu kredo je Lia Sankta Evangelio, unu kredo je Liaj Diaj Veroj!

Kaj dividas nin nacia malamo, naciaj maljustaĵoj, naciaj dolorigoj!

Ni pardonu ilin ĉiujn al ni reciproke! Ni pardonu ilin al ni ĉiuj are, ni pardonu ilin ĉiuj, kiuj ja nomas sin K r i s t a n o j!

T i o n ĉ i p o s t u l a s d e n i K r i s t o!

Kaj, pardoninte al ni reciproke niajn ofendojn, ni komencu novan vivon, vivon vere Kristanan, vivon de l' reciproka ŝato kaj amo.

Ni serĉu diligente ĉion, kio alproksimigas la Kristanajn naciojn! Ni serĉu diligente ĉion, kio servas al la ideo Krista, kio kondukas al plenumo de la grandaj sentencoj: „Unum ovile et unus pastor!“ kaj „Ut Christi caritas rursus dominetur in hominibus!“

Tia alproksimigilo de ĉiuj nacioj devas esti nepre opiniata internacia helplingvo E s p e r a n t o. Ĉar la Sankta Apostola Seĝo donis Sian Apostolan Benon al la kongreso de katolikaj Esperantistoj, okazinta en Hago, kie oni aprobis la lingvon Esperanto kiel oficiala lingvo de l' Katolika Organizaĵo de ĉiuj nacioj (I n t e r n a c i o K a t o l i k a), — ni opinias, ke estas devo de ĉiu Kristano, ekkoni tiun ĉi lingvon, kiu tiom bone forigas kontraŭ-Kristan nacian malamon, kaj kiu neniom malgrandigas la valoron kaj la rajton de lingvoj naciaj, ĉar ĝi plenumas nur la rolon de internacia helplingvo. Do, ni turnas nin al ĉiuj regnestraroj kun la peto, ke ili enkonduku Esperanton en la programojn de la lernejoj kaj ni esperas, ke la plej proksimaj kongresoj Esperantistaj en P r a h a kaj G r a z fariĝos grandiozaj manifestaĵoj de unueco kaj interkompreno.

Tiujn ĉi, kiuj ne havis ĝis nun okazon, aŭdi pli multe pri Esperanto, ni informas, ke la afero de helpa lingvo internacia estas jam plene solvita. Dum la lasta kongreso de l' Unuiĝo de internaciaj societoj en Bruselo, el 112 voĉdonantoj koncerne helpan lingvon internacian, 111 (kontraŭ unu) voĉdonis por la helpa lingvo internacia Esperanto. De nun la lingvo Esperanto, benita de la Sankta Apostola Seĝo kaj farita oficiala lingvo de „Internacio Katolika“, devas plenumi siajn taskojn por la bono de l' tuta tero.

La Sankta Instruo de Kristo ekregu fine sur la tuta mondo, — malfermiĝu la koroj de ĉiuj nacioj por vera alpreno de ĝiaj sanktaj ideoj, — ekkantiĝu de ĉiuj partoj de l' tero, hodiaŭ saturigita per sango, ne kanto de malamo kaj venĝo, sed kanto de l' fortega amo Krista al ĉiuj nacioj.

Ni amu nian propran landon, nian propran nacion, nian propran ŝtaton, sed ni ne malŝatu, sed ni ne malamu iun ajn alian landon, iun ajn alian nacion, iun ajn alian ŝtaton!

Ni faru grandan familion naciaran, ĉar tiam Kristo, nia Sankta Sinjoro, vere — venkos!

Eldonante tiun ĉi alvokon, ni petas nian animan Estron, kardinalon Edmund Dalbor, ĉef-sacerdoton de Polujo, ke Li donu al ni Sian Benon, por ke niaj vortoj trafu al koroj kaj animoj de niaj proksimuloj, flamigu en ili amon de l' Kristaj ideoj kaj por ke ili atestu, ke Polujo ĉiam al Kristaj ideoj fidelas. Polujo suferis multajn maljustaĵojn, sed pardonas ilin ĉiujn, pardonas ilin ankaŭ al ĉiuj en la Sankta Nomo de Kristo.

Polujo, la patrolando de Mickiewicz, Słowacki, Krasiński, Sienkiewicz, Wyspiański kaj de Zamenhof, kreinto de la lingvo Esperanto, salutas ĉiujn naciojn kaj al ĉiuj nacioj deziras plenfeliĉon.

Kristanojn ĉiunaciajn ni petas, ke ili bonvolu represi tiun ĉi alvokon en siaj gazetoj. Esperantistojn ĉiunaciajn ni petas, ke ili bonvolu tiun ĉi alvokon, kiun ni jam presigis antaŭe en Pola lingvo kaj dissendis al ĉiuj Polaj gazetoj, traduki en siajn lingvojn naciajn kaj dissendi ĝin al ĉiuj siaj gazetoj.

La ne-Kristanajn publicistojn ni petas, ke ili bonvolu priparoli en siaj gazetoj nian alvokon kaj ni esperas, ke nia alvoko trovos ankaŭ ĉe la ne-Kristanoj plenan komprenon.

Samtempe ni petas, ke oni bonvolu sendi al ni po du ekzemplerojn de gazetoj, kiuj represigis tiun ĉi alvokon. Ĝiujn, kiuj egalopinias kun ni, ni petas je alsendo de tiurilataj deklaroj, kiujn ni presigados kaj en la lingvo Esperanto donos al publika scio.

Ni laboru por detruo de malamo kaj por starigo de Krista amo! Ni laboru por Kristo! Laŭdata estu Lia Nomo! Laŭdata estu Jesuo Kristo, kies Naskiĝodaton ni ĵus festis! Ni laboru, por ke ĉe la lulilo de Kristo kunvenu la nacioj ne kun reciproka malamo en la koro, sed kun sento de amo kaj de Krista paco!

Bydgoszcz (Bromberg).

Leopold Kronenberg,

eldonanto kaj redaktoro de la Pola gazeto „Nowe Tory“ (La Novaj Vojoj), honora membro de la Katolika Grupo Esperantista en Bydgoszcz, prezidanto de la German-Pola Asocio Esperantista en Bydgoszcz, membro-fondinto de Societo „Esperanto“ en Kalisz, honora membro de la societo „Esperanto“ en Tarnów.

**Gesamideanoj!**

Traduku tiun ĉi alvokon en vian naciilingvon, presigu en la loka gazeto kaj dissendu tiun ĉi numeron de la loka gazeto al ĉiuj redakcioj de via lando.

Sendu kiel abonpagon por „La Novaj Vojoj“ laŭvolan sumon en via nacimono! Sendadu al ni korespondaĵojn el via lando, por presigi ilin en nia gazeto!

Tiun ĉi alvokon subskribis dum tri tagoj post ĝia apero: 1. Preposto kaj anima konsilanto, sacerdoto Becker, 2. supera poŝta oficisto Budzyński, 3. Franciszek Prengel, 4. Paweł Deręgowski, 5. geanoj de la Katolika Grupo Esperantista en Bydgoszcz, 6. St. Kowalewski, prezidanto, 7. Jan Szalla, sekretario, 8. Józef Kobza, 9. Kazimierz Małyska, 10. Mieczysław Borucki, 11. Stefan Grajkowski, 12. Leon Napiątek, 13. Henryk Loch, 14. B. Jędrzejewski, 15. Stanisław Krzeszewski, 16. Anna Krafft, 17. Cecylja Woźniakowska, 18. Anna Kobzówna, 19. Urszula Wiśniewska, 20. Helena Harendarska, 21. Gertruda Siuda, 22. Helena Jędrzejowska, 23. ne-Esperantisto: S[ro] Richard Contag, ĉef-redaktoro de „Deutsche Rundschau“ en Bydgoszcz, kiu unua represigis nian artikolon, 24. A. Sękowski, 25. S. Szulc (kun la rimarko, ke nia alvoko alportos grandan bonon ankaŭ por ne-Kristanoj), estinta vicprezidanto de la Lodza Esperanto-Klubo kaj estinta prezidanto de la Bydgoszcz'a Esperanto-Societo, 26. Jan Bratkowski, juĝeja oficisto, 27. Jan Pawlikowski, oficisto, 28. Piotr Kuchciński, oficisto, 29. Artur Famer, studento de l' agrikulturo, 30. Joachim Hering, komercisto, 31. Józef Piechocki, komercisto, 32. Mieczysław Piechocki, oficisto, 33. Mieczysław Figurski, invalido, 34. Teodor Wełkowski, maŝinisto, 35. Marja Deremgowska, 36. Jan Drążkowski, komercisto, 37. Bronisław Lewicki, teknikisto, 38. Bronisław Kruszczyński, komercisto, 39. Bronisław Kasprzewski, komercisto, 40. Marjan Kostrz, seminariano, 41. Jadwiga Becker, 42. Marja Marcinkowska, 43. N. Berg, 44. Aniela Sołtysiak, 45. Bronisława Rosental.

---

# Ĥinaj Sentencoj kaj Proverboj.

Posedi grandajn virtojn kaj malgrandajn talentojn, valoras pli, ol havi grandajn talentojn kaj malgrandajn virtojn.

La ĉevalo konas sian mastron.

La hajlo ne falas, antaŭ ol nubo estis videbla.

Kiam homoj renkontas unu la alian, ili salutas sin reciproke; kiam bovoj sin renkontas, ili ekblekas.

Parencojn oni malofte, legomkortojn oni ofte vizitu.

Honoru vian gaston kaj spicu lian teon.

Kie estas altaj montoj, tie oni trovas ankaŭ profundajn riverojn.

Fianĉiniĝinta kun senkarakterulo fraŭlino estas kvazaŭ metita en tombon senfeliĉan.

Sklavoj, kiuj fariĝas potenculoj, estas pli severaj ol kun purpura vesto naskiĝintaj princoj.

Virbovo, kiu sin forŝiras de la ĉeno, pro tio ne ankoraŭ fariĝis leono.

Eĉ la plej grandaj okulvitroj ne faras la kamparanon scienculo.

La plej malgranda sonorileto de pagodo pensas, ke la pilgrimantoj venas al ĝi.

Utrecht. El la Nederlanda lingvo tradukis:
Sv. J. Degenkamp.

# Getsemane.

El la granda festludo „La Savo de l' Mondo" de Eriko Eckert.*)

En noktmallum' ĝi estis, dum
Malgaja voĉ' singultis.
Kun streĉatent' kaj tima sent'
Mi treme ĝin aŭskultis.

Plej nobla kor' laŭ virt' kaj mor',
Tutsola, sen espero,
En vera sort', ĉagren' ĝis mort',
Jen kuŝis sur la tero.

Li estis kara Dio-Fil'
Kun kap' manapogata,
Pli pala ol la lunobril' —
Eĉ estus ŝton' kompata.

„Ho, Patro, se do devas mi
Eltrinki la kalikon
Kaj tute nepra estas ĝi —
Eklevu mian psikon."

„„Ho, kara id', en plenkonfid'
Al vi ĝin lasu diri:
Ĝis la ekstrem' vi devas mem
La krutan vojon iri.""

„Adiaŭ, ho, Mario, vi
Patrino mildvizaĝa;
Neniu restos nun kun mi
En la dezert' sovaĝa."

Subiras jam la bela lun',
Ne lumas pro doloro,
La steloj plu ne brilas nun,
Estingis ilin ploro.

Wien (Aŭstrujo). Esperantigis: F. Zwach.

---

*) Prezentado de tiu „misterio" estas preparata laŭ la decido de la kat[a] kongresanaro en Hago dum „Nia Sesa" 1920, por la unua kongreso de „Ika" en Graz (Aŭstrujo-Stirio) 1921. — La supra estas teksto de kanto de ĥoro en la 3[a] bildo de la 3[a] akto, dum la anĝelo kun kaliko en mano proksimiĝas al la Sinjoro en la ĝardeno Getsemane. De la tradukinto krom la ritmo kaj la rimoj plej eble estas konservita ankaŭ la tipa karaktero de la originalo, kiu, ne pretendante, esti poezia perfektaĵo laŭstila aŭ laŭforma, tamen estas profunde sentita kaj ĝuste pro ĝiaj naiveco kaj simpleco tre kortuŝanta.

# Alvoko al la tutmonda gejunularo kaj studentaro.

Karaj gefratoj!

„Internacio Katolika“ (Ika ) aranĝos dum Aŭgusto en Graz (Aŭstrujo) sian unuan kongreson. Dum tiu kongreso okazos ankaŭ fakaj kunsidoj de la plej diversaj movadoj, i. a. konferenco pri la junula kaj studenta movado, samtempe ĝenerala kunveno de „Mondjunularo Katolika“ („Moka“). En tiu kunveno oni pritraktos la plej gravajn kaj nuntempajn demandojn de la tutmonda katolika junula kaj studenta movado. Ĉefa tasko de la kunsido estos, fiksi la definitivan statuton de „Moka“, elekti la prezidantaron kaj ĉirkaŭskribi la laboramplekson.

Katolika gejunularo tutmonda! Grandegaj estas la taskoj, kiujn ni devas solvi dum nia unua kunveno en Graz. Pro tio estas nepre necese, ke kiel eble plej multe da gejunuloj el ĉiuj landoj partoprenu, por kunhelpi la starigon de potenca, universala junula internacio. Estas honora devo por ĉiu pli granda katolika junula asocio, sendi almenaŭ unu delegiton al la kongreso, ke tiu kongreso fariĝu potenca manifestacio de la tutmonda katolika junularo kaj studentaro.

Ni petas ĉiujn, kunhelpi, ke ni baldaŭ atingu nian belan celon: unuigi la tutmondan katolikan junularon en potenca universala junula internacio.

Sciigojn donas la kongreskomitato en Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5.

Hans Sappl,
Ĝenerala Sekretario de „Moka“.

Stud. H. N. Kemme,
Del. de „Moka“ por Amsterdam.

Joh. Bernhard,
Ĉefdelegito de „Moka“ por Bavarujo.

Stud. Fritz Scheibl,
Ĉefdel. de „Moka“ por Wien.

*

**Delegitoj de „Moka“**

estas elektitaj en jenaj lokoj:

Ĉeĥoslovakujo:

Proseč ap. Skuč: Sro Antonin Barta.

Francujo:

Bourg-la Reine (Seine): Sro René Bürg, 12 avenue Galois.

Germanujo:

Mainz: Sro stud. teol. Edmund Kuhn, Priesterseminar (Del. por Hesujo).

Hispanujo:

Barcelona: Sro stud. teol. Fr. Martin, Perutxo 14, Hospitalet.

Italujo:

Villastellone: Sro stud. teol. Karolo Clerico (Torino).
Firenze: Sro Aĥilo Guerra, Borgo Pinti 5 p. p.
Cranglio ap. Aiello: Sro Virgilo Foschian.

Nederlando:

's Hertogenbosch: Sro H. A. Roelofs, Ververstraat 43.

Polujo:

Bromberg: Sro stud. Francisko Prengel, Podgorzestr. 17.

# Universala kongreso por la tutmonda katolikaro.

## Klarigo.

Kaŭze de internaciaj gazetaraj sciigoj, disvastigitaj en la eksterlando, oni trovas tre ofte erarajn opiniojn pri la nuntempa situacio de nia popolo. Oni legas pri ĉiamaj strikoj, ĉiamaj revoluciaj tendencoj ktp.! Sendube la ekonomia mizero de nia malfeliĉa popolo estas grandega. La infanoj, la maljunuloj, la malriĉaj klasoj, t. e. la plej granda parto de la loĝantaro, suferas tre, eĉ tro multe. Sed la kialo estas la senfina senvalorigo de la enlanda mono. La komercaĵoj aĉetitaj en ŝtatoj kun alta valuto estas tiom multekostaj, ke la plej granda parto de la Aŭstruja loĝantaro ne povas aĉeti ilin. Sed en la vendejoj oni trovas nutraĵojn, vestaĵojn, komercaĵojn ĉiaspecajn grandamase, se oni havas monon, por pagi ilin. Nu, eksterlandanoj vivas tie ĉi pli malmultekoste ol en iu alia ŝtato de la mondo, kaŭze de la valuta diferenco. La loĝantaro de niaj urboj estas pacema kaj trankvilecema. La plej granda parto estas kontraŭrevolucia. Do venu, kaj vidu mem!

## Porpaca Konferenco.

La propono de internacia katolika porpaca konferenco trovis entuziasman aprobon en la diversaj landoj. La internacia komitato preskaŭ jam estas starigita. El ĉiuj Eŭropaj landoj venis subskriboj por la internacia „invito“. Prelato D[ro] A. Giesswein, Budapest, deputato, prelato D[ro] Seipel, Wien, deputato, prezidanto de la Kristana partio, S[ro] F. Albino, London, prezidanto de la internacia porpaca ligo, estas inter la membroj de la komitato. Plue S[ro] Mar Sangnier, deputato de Paris, promesis, veni al la konferenco kun kelke da amikoj. Sendube la porpaca movado estas la plej konvena ilo, por ebligi efikan kunlaboradon inter la katolikaj fratoj.

La prepara komitato.

---

# Enketoj.

Ĉiu leganto bonvolu sendi komunikon, ankaŭ, se li ne povas komplete respondi al ĉiuj opaj demandoj. Nur tiamaniere ni ricevos sufiĉe kompletan materialon.

III[a] La Katolika virino-movado.

1. Ĉu ekzistas en via ŝtato nacia virino-unuiĝo por la sociala, karita, politika, alia fako?
2. La nacia oficejo (preciza adreso).
3. La oficiala organo (preciza adreso).
4. La proksimuma nombro de la membroj.
5. Celadoj por internacia kunlaborado.

6. Adresoj de ĉefaj gvidantinoj de la nacia kaj internacia virino-movado katolika.

7. Aliaj rimarkindaĵoj, imitindaj institucioj ktp.

IVa La gazetara movado katolika.

1. La ĉefaj ĵurnaloj katolikaj (ĉiutagaj). Nomo kaj preciza adreso.

2. La ĉefaj revuoj katolikaj (ĉiusemajnaj ĉiumonataj k. a.) por scienca, kultura, sociala, politika, alia movado.

3. Internaciaj katolikaj gazetoj aŭ revuoj en via lando.

4. Naciaj, internaciaj katolikaj gazetaraj agentejoj aŭ presinformejoj (preciza adreso).

5. Unuiĝoj, societoj katolikaj por eldono aŭ disvastigo de katolikaj ĵurnaloj, revuoj, bonaj presaĵoj.

6. Ĉefaj gvidantoj de la nacia gazetara movado katolika (precizaj adresoj).

7. Klopodoj, por realigi internacian kunlaboradon sur la teritorio de la gazetaro.

8. Aliaj rimarkindaĵoj, imitindaj institucioj ktp.

---

# XIII. Universala Kongreso de Esperanto de la 31. Julio ĝis la 6. Aŭgusto 1921 en Praha, Ĉeĥoslovakujo.

## VI. Komuniko.

Fakaj kunvenoj: Por filatelistoj — organizas Sro Fleischer, teosofanoj — Sro Cimr, ŝakludantoj — Sro Hájek, kiu aranĝos ankaŭ vetludon de Esperantistoj-ŝakistoj.

Garantia fundo: 1. Sro Ĉech el Wien kaj 2. Dro Róbin el Warszawa po 100 Kĉ, 3. Sro Heek el Hengelo 500 N. G. Garantiu precipe gesamideanoj el landoj kun bona valuto!

Donacoj: Ĉeĥoslovaka ministerio por eksterlandaj aferoj — 5000 Kĉ, Sro Heek el Hengelo — 600 N. G., Sno Mammen el Grenaa kaj ŝiaj 10 lernantoj-skoltoj 100 Kĉ, Sro Straka el Bratislava 100 Kĉ. Sro Kroužil kun liaj kolegoj kaj studentoj el Brno 60 Kĉ, Anonima societo „Centra Esperanto-librejo el 's Gravenhage — 51 K, Sro Ribas de Pina el Huesca 5 Liroj.

Kongresa kaso: La financa sekcio aranĝis amuzvesperon de S. Nikolao kaj du teatrajn prezentadojn, per kiuj entreprenoj pliriĉiĝis la kaso je 6000 Kĉ.

La aliĝoj atingis ĝis nun la nombron 130.

Adreso por nur prikongresaj korespondaĵoj kaj oficialaj aliĝoj: A. Pitlík, Praha III., Nerudova 40. (Por respondo nepre necese, aldoni respondkupon aŭ poŝt elspezon en naciaj poŝtmarkoj!)

Aug. Pitlík,
ĝener. sekr. de la Deko Kongreso
Komitato.

---

# La Problemo de Lingvo Tutmonda kaj Historio de la Katolika Esperanto-Movado.

(Daŭrigo.)

Sed, ĉar tia konstruo de lingvo estas tute fremda por Eŭropaj popoloj, kaj alkutimiĝi al ĝi estas por ili afero malfacila, tial Zamenhof konformigis tiun dismembriĝon de la lingvo tute al la spirito da la lingvoj Eŭropaj, tiel, ke, se iu lernas Esperanton laŭ lernolibro, li eĉ ne supozas, ke la konstruo de tiu lingvo per io diferencas de la konstruo de lia patra lingvo [27]).

Krom la eksterordinaraj facileco, perfekteco kaj logikeco ekzistas ankoraŭ aliaj bonaĵoj de Esperanto, pri kiuj ni ne parolos ĉi tie. Nur pri la Esperanto-ortografio kelkaj vortoj estu dirataj.

La ortografio en la plimulto de lingvoj (kaj ĝuste en tiuj, kiuj la plej multe havas ŝancon, esti elektataj kiel internaciaj) prezentas veran „krucon“ por lernanto: litero en unu vorto estas elparolata, en alia ne aŭ alie; sono en unu vorto estas skribata tiel, en alia alie.

Male, la lingvo Esperanto donis al ĉiuj ĝiaj literoj klaran pronuncon, severe difinitan kaj ĉiam egalan, kaj, dank' al tio, en Esperanto demando pri ortografio tute ne ekzistas. Jam post kvaronhoro de sinokupado je tiu artefarita lingvo, t. e. jam post konatiĝo kun ĝia plej simpla alfabeto, ĉiu povas skribi en ĝi diktaton tute senerare, dum en lingvo natura li atingos tion nur post jaroj da malfacila kaj enua laborado.[28])

Malgraŭ la ĵus analizitaj grandegaj plibonaĵoj de Esperanto (facileco, perfekteco kaj simpla ortografio) neniu imagu, ke li tuj, post unu aŭ du horoj, post unu aŭ dek lecionoj, jam povos paroli kaj interkompreniĝi kun ĉiuj homoj de la mondo. Ankaŭ la lernado de tiu facila lingvo postulas seriozecon kaj persistecon. Alie grandega seniluziiĝo estas ne-evitebla. Ordinare ĉiu, kiu proprigis al si la neprajn fundamentajn elementojn de tiu lingvo, jam povas deĉifri, kun helpo de vortaro, ĉiun ajn Esperanto-tekston kaj skribi klare kaj korekte simplajn frazojn, komence ja nur „balbutante“. Antaŭ paso de unu jaro nur malmultaj estas kapablaj, paroli korekte kaj flue. [29])

Pri la valoro kaj la graveco de Esperanto instruas nin plej bone nur fundamenta studado de la lingvo kaj nia propra sperto. La jam unu fojon menciita lingvisto ĉe la universitato en Oxford, F. M. Müller, konfesis iam: „Mi jam pli ofte havis okazon, esprimi mian opinion pri la valoro de la diversaj mondlingvaj projektoj. Ĉiuj tiuj pruvoj posedas siajn apartajn bonaĵojn kaj malbonaĵojn; sed, mi devas certige diri, ke Esperanto havas la plej altan lokon inter ĝiaj konkurantoj.

La fizikisto Dro W. Ostwald en Leipzig diris: „Por la komuna interkomunikiĝo ni bezonas lingvon, kiun parolos ne nur la scienculo sed ankaŭ la laboristo

en la fabriko kaj la komisiisto sur la strato. Esperanto estas arte farita lingvo, kiu, en alta grado, respondas tiujn postulojn.

Al tiu, kiu timas, ke Esperanto estas danĝera al naciaj lingvoj, respondas la bone konata Aŭstruja verkisto Petro Rosegger: „Ĝuste, por ŝirmi la naciajn lingvojn, ke ili ne estu internacie difektataj, ni bezonas internacian helplingvon por pure praktikaj celoj.[30])

„La oferoj“, skribis L. Tolstoj, „kiujn faroŝ ĉiu homo de nia Eŭropa mondo, dediĉante iom da tempo, por lerni Esperanton, estas tiel malgrandaj, kaj la rezultatoj, kiuj povas sekvi, se ĉiuj — almenaŭ Eŭropanoj kaj Amerikanoj, ĉiuj Kristanoj — lernos tiun lingvon, estas tiom grandaj, ke oni ne povas ne fari tiun provon. Mi ĉiam opiniis, ke ekzistas neniu pli Kristana scienco ol scio de fremdaj lingvoj, kiu ebligas la interkomunikadon kaj ligiĝon kun la plej granda nombro de l' homoj. Multajn fojojn mi konstatis, kiel homoj sin tenadis malamike unu kontraŭ alia, nur dank' al la meĥanika malhelpo por reciproka komprenado, kaj tial la lernado de Esperanto kaj ĝia disvastigado estas sendube Kristana afero, kiu helpos al starigo de la Regno de Dio, afero, kiu estas la ĉefa kaj sola celo de la homa vivo.“ [31])

„En tiuj ĉi tagoj“, diris la ankaŭ jam nomita Angla Latinisto Mayor dum la 3ª Universala Kongreso de Esperanto en Cambridge (1907), „mi vidis miraklon post miraklo. Miraklon de kompato: Sub patra zorgo de Th. Cart blinduloj legas, vidas per fingroj, per oreloj; miraklon de Jeriĥo: muroj de malfido falis, dissaltis sub la forta voko de nia Josuo, de niaj Israelido; . . miraklon de Pentekosto: Partoj, Medoj, Rusoj, Francoj, Germanoj, Poloj, Danoj, Amerikanoj, Angloj, „komprenante unu la alian“, riparante la malfacilaĵojn de Babilono, faras unu rondon familian“. Tie ĉi, la poeto Ovidius Naso ne bezonas plendi: „barbarus hic ego sum, quia non intelligor ulli“. Ne, post kelkaj horoj kun Esperanto-legolibro li ĝojege ekkrius: „Non sum barbarus, hic intelligor omnibus!“ Tial vivu la nove eltrovita lando Esperantujo kun ĝia nova Kristoforo Kolumbo!“ [32]) Tiel fakte ŝajnas efektiviĝi la antaŭsento de Jules Verne, kiu faris interkompreniĝi la diversnacian ŝipanaron de la submara boato „Nautilus“ en unu komuna, ne konata lingvo [33]), same kiel la antaŭdiro de la filozofo Fr. Nietzsche, kiu iam, ankoraŭ antaŭ la apero de Volapük kaj Esperanto, rimarkis: „En iu malproksima estonta tempo unu nova lingvo ekzistos, unue kiel komerca lingvo, poste kiel nepra lingvo de la spirita interkomunikiĝo por ĉiuj . Por kio la lingva scienco, dum paso de unu centjaro, estus pristudinta la leĝojn de lingvo kaj taksinta la necesaĵojn, valoraĵojn kaj perfektaĵojn en ĉiu lingvo?!“ [34])

Turnante nun nian atenton al la konkludoj, kiujn ni konas el la raporto legita de S^ro^ L. de Beaufront dum la kongreso de l'Association Française pour l'Avancement des Sciences, Paris 1900:

1. La enkonduko de lingvo internacia alportus al la homaro grandegan utilon;

2. la enkonduko de lingvo internacia estas tute ebla;

3. la enkonduko de lingvo internacia pli aŭ malpli frue nepre kaj sendube efektiviĝos, kiom ajn rutinistoj batalus kontraŭ tio ĉi;

4. kiel internacia neniam estos elektita ia alia lingvo krom arta;

5. kiel internacia neniam estos elektita ia alia lingvo krom Esperanto; ĝi aŭ estos lasita por ĉiam en ĝia nuna formo, aŭ en ĝi estos poste faritaj iaj ŝanĝoj" [35]), — ĉiuj pluaj provoj kaj projektoj, feliĉigi la mondon per nova, „plibonigita" formo de Esperanto, estas kaj estos efektive nur batoj en akvon.

---

# Internacia Katolika Esperanto-Oficejo.

Graz (Aŭstrujo) Karmeliterplatz 5.

1. La oficejo posedas provizon de la Flugfolioj de Dro M. J. Metzger, ĉefdirektoro de „Ikaco": „Ĉu ni bezonas katolikan lingvon?" La prezo estas 5 Mkoj, 10 Koj, 2 Fkoj por 100 ekz.

2. Ĉe la oficejo estas havebla: „Gvidlibro tra Graz" (Esperantlingva eldono) 80 paĝoj. Prezo 1 Sm laŭ nacia valuto. (Por Aŭstrujanoj 10 Koj). Ni rekomendas precipe al la estontaj kongresanoj de la VIIa aĉeton de tiu bele ilustrita gvidlibro.

3. Ĵus aperis 28paĝa broŝuro de H. Sappl, ĝen. sekr. de „Moka": „Kiel oni fondas kaj organizas Esperantan grupon" (kun aldono de statutoj por E-grupoj). Tiu broŝuro, ĝis nun mankinta, multe utilos al nia movado kaj al niaj samideanoj; la aĉeto do estas tre rekomendinda. La prezo estas 2 Sm laŭ nacia valuto.

4. Plue ni rekomendas aĉeton de „Ika"-leter-papero kaj-kovertoj. Prezo por 50 kovertoj aŭ leterpaperoj en Aŭstrujo 36 Koj, en Germanujo 10 Mkoj, en Svisujo Fkoj 1.50, en Francujo Fkoj 3.—, en Ĉeĥoslovakujo Koj 12.—, en Holando Guldoj 0.50, en Italujo Loj 5.—, en Hispanujo Poj 2.—, en Jugoslavujo Koj 24.—, en Norda Ameriko Doj 0.30, en Anglujo Ŝil. 2.—.

5. „Ika" eldonis ankaŭ sigelmarkojn. 100 ekz. 2 Svis. Fkoj, 10 Aŭstr. Koj, 2 Germ. Mkoj, 1Liro, 0.50 Pesetoj, 1 Franca Fko, 3 Ĉeĥosl. Koj ktp. La provizo estas malgranda; baldaŭa mendo estas rekomendinda.

---

[27]) Ekzemplon kaj plenan klarigon de tiu dismembrigo oni trovas en la Fundamenta Krestomatio, p. 248 k. s. — [28]) Preskaŭ laŭvorte el la Artikoloj pri Esperanto en la Fundamenta Krestomatio. paĝo 241a kaj sekv. — [29]) Theodor Fuchs, „Esperanto, seine Entstehung und Bedeutung" (Esperanto, ĝia deveno kaj valoro), Wien 1911. — [30]) El sciigo de P. Rosegger al Sro korr. kons. Theodor Fuchs, la 20an de Junio 1917a pri Esperanto. — [31]) La fino de letero de Tolstoj al la Rusa eldonisto Posrednik (27. IV. 1894). En „Historio de la lingvo Esperanto". De Edmond Privat. Genève, 1912. Citita ankaŭ en la „Historio de Esperanto" de Adam Zakrzewski, paĝo 53. — [32]) El Historio de Esperanto" de Adam Zakrzewski, paĝoj 88 kaj 89. — [33]) Julius Verne, „Zwanzigtausend Meilen unterm Meer" (Dudek mil mejloj sub la maro). Wien, Pest, Leipzig, A. Hartlebens Verlag, 1875, ĉapitro 8a. — [34]) Aforismo de Fr. Nietzsche, skribita dum la jaroj 1874/77. Vidu la artikolon de Fr. Fleck pri tiu aforismo en „Germana Esperantisto", No 8/9 A. paĝo 69. — [35]) Fundamenta Krestomatio, paĝo 313.

# Efika propagando inter gelernantoj.

**Originale verkita de la instr. konsil. W. Knopf, Beuthen, Supra Silezio.**

Al samideanaj geinstruistoj mi varme rekomendas la sekvantan senpagan propagandon inter gelernantoj. Ĝi pruviĝis kiel tre efika.

Iun tagon dum Februaro pasintjara mi demandis miajn lernantojn, ĉu iu el il kolektas ilustritajn poŝtkartojn. Preskaŭ ĉiuj ekstaris. Mi tiam demandis, ĉu iu havas jam tiajn el fremdajlandoj. Preskaŭ neniu jesis. „Se vi deziras tiajn, mi povas havigi al vi," mi diris. Jes, ni petas, faru tion, sonis tra la klasoĉambro. „Bone, ekprenu viajn kajerojn kaj kopiu tekston, kiun mi nun skribos sur la tabulon." Jen la teksto Esperantlingva:

„Beuthen (Supra Silezio), la x$^{an}$ de Februaro 1920. Tre estimata sinjoro (sinjorino, fraŭlino)! Vian adreson donis al mi nia sup. instr. S$^{ro}$ Knopf, la estro de la ĉi tiea centra oficejo por Esperanto. Mi estas x-jara lernanto de la supera reallernejo, kies domon vi vidas sur la bildflanko. Miaj gepatroj certe donos al mi permeson, lerni poste ankaŭ Esperanton, se mi povos konvinki ilin pri la jam nun granda disvastiĝo de la internacia lingvo. Tial mi ĝentile petas vin, bonvolu afable sendi al mi ilustritan poŝtkarton el via loko. Kun altestimo via sindona N. N. (adreso)."

Tiun ĉi tekston ĉiuj lernantoj skribis sur ilustritan karton, kiu montris belan vidaĵon de la impona konstruaĵo de nia supera reallernejo. Mi mem metis sur la kartojn adresojn de Esperantistoj en ĉiuj landoj, ŝtampis la bildflankon per verdastela ŝtampilo de nia centra oficejo, kaj la kartoj forflugis en la tutan mondon.

La lernantoj tre miris, kiam iom post iom alvenis respondoj el ĉiuj Eŭropaj kaj ekster-Eŭropaj landoj, eĉ el Hindujo. Kompreneble, mi igis ilin, danki pro la afable senditaj kartoj. La tekston de la danko-kartoj mi ankaŭ donis al la knaboj. Ĝi variis laŭ tio, kion la fremdlandaj samideanoj estis skribintaj, sed la ĉefa ideo estis en ĉiuj: „Kore mi dankas vin pro via afabla poŝtkarto. Mi nun, kun permeso de miaj gepatroj, komencos studon de la bela internacia lingvo. Lernolibereton mi jam aĉetis. Kiam mi estos kapabla por memstara korespondado, mi de nove donos al vi vivosignon. Kore salutas vin via dankema juna amiko N. N."

Tiamaniere mi vekis la plej viglan intereson por Esperanto en la tuta lernejo, ĉar la kartoj ja estis montrataj en ĉiuj klasoj. Tre multaj lernantoj aĉetis lernolibrojn kaj nun ili lernas fervore nian lingvon. Multe da ili el la superaj klasoj ankaŭ partoprenas kurson, kiun mi aranĝis en la lernejo, kun permeso de la direktoro.

Al ĉiuj karaj gekolegoj mi do povas rekomendi mian propagandon. Ĝi certe meritas imiton.

# Sciindaĵoj.

**La IIIa Ordeno de Sta Francisko** solenas dum la nuna jaro la 700-jaran fondiĝo-jubileon. Ĉie, kie troviĝas Triordenanoj, oni preparas indajn festojn. En Assisi, la naskiĝejo de la ordeno-fondinto, okazos dum Septembro granda internacia kongreso de la „terciaroj". Ankaŭ el aliaj landoj jam estas anoncitaj grandaj solenoj. En Hispanujo, Francujo, Germanujo kaj Nordameriko oni volas montri al la mondo per multnombraj Triordenanaj kunvenoj, ke la IIIa Ordeno de Sta Francisko vivas ankoraŭ. En Wien kaj en Graz komuna pilgrimo Mariazell'on finos la ekleziajn aranĝojn. En Innsbruck estos solenata festotago dum la Ĉielira festo, kaj en Bozen kunvenos la Triordenanoj el Suda Tirolo jam dum la Paskaj tagoj. Krom tio okazos en ĉiuj ordenaj komunumoj en la tuta mondo pli malpli grandaj ekleziaj kaj ekster-ekleziaj aranĝoj kaj religiaj prezentadoj (ekz: La almozulo de Assisi, vivobildo de Kristana „komunisto" en la 13a centjaro).

P. K. Straschill, O.Fr.M.

**Fr. Greul †.** La morto kruele forŝiris de ni karan samideanon kaj fidelan E. K.-anon, la kooperatoron Sron Franciskon Greul en Gföhl (Malsupra Aŭstrujo), kiu en lia 32a vivjaro (pastro de la 1914a) dum forpermeso rekreacia subite mortis en Krems (Mals. Aŭstr.). Kun ĉiuj liaj parencoj, amikoj kaj konatuloj ni funebras pri li kaj sincere preĝas, ke lia animo ricevu la plenmerititan rekompencon.

**Esperantista oficejo**, ekzistas en Marseille (Francujo), 38, rue Consolat. Esperantisto bezonanta informojn komercajn, industriajn, turistajn, popolmorajn aŭ aliajn pri tiu urbo kaj regiono, skribu kaj baldaŭ li ricevos respondon. Esperantistoj vizitantaj la urbon Marseille, vizitu tiun oficejon, kie ili tutkore estos akceptataj kaj trovos ĉiajn de ili bezonatajn informojn. En la oficejo estos aĉeteblaj Esperantaj libroj kaj propagandiloj. Al enlandanoj senpage estas donataj informoj pri Esperanto, ĝia disvastiĝo kaj gravega utileco.

---

# Petoj kaj Demandoj.

**Korrespondi** per ilustr. poŝtkartoj kaj **interŝanĝi poŝtmarkojn** kun fremdlandaj samideanoj deziras Sro J. Pošepný en Skřivany, 50, ap. Neubydžov, Ĉeĥoslovakujo.

**Lerni la Ĉeĥan lingvon** per helpo de Ĉeĥo aŭ Ĉeĥino samideanaj deziras Sro E. Fethke en Oppeln (Germanujo — Supra Silezujo), Ring 11, scianta la Polan lingvon, kiun li laŭdezire instruos rekompence. Li intencas partopreni en la XIIIa.

**Sro Dro I. Krestanoff**, gimn. profesoro, nuntempe loĝante en lia hejmolando Bulgarujo, en Karlovo (Rozovalo), petis nin, korekti nian raporton en la noj 8/9 1920a, kiun nur nun li legis, laŭ tio, ke li ne estas Protestanta, sed orient-ortodoksa; lia edzino ja estas Protestanta.

**Interŝanĝi** leterojn, ilustr. poŝtkartojn, Espajn gazetojn kaj ŝlosilojn kun ĉiulandanoj deziras Sro A. Costa en Lisboa (Portugalujo), 16, Rua João do Auteiro, 3.

**Vendi** povas la nojn 3, 4, 5, 8, 9, 33, 34, 50, 81, 91, 95 de „Espero Katolika" (antaŭmilita), aŭ **interŝanĝi** per la noj 81 (Jan. 1912), 102, 106, 107 mankantaj al li, samideano en Francujo. Proponoj estas petataj al la administranto de „E. K."

**Serĉata** estas tradukanto por „Lehrschule der Betrachtung“ en Esperanto, 120 paĝoj 12° Kvarono de la teksto devas esti en versoj. Proponoj petataj al la eldonejo „Volksheil“ en Graz, Karmeliterpl. 5 (Aŭstrujo-Stirio).

**Korespondadi** deziras per vidaĵkartoj (poŝtmarko sur la bild-flanko) kun ĉiulandanoj Sro E. Janischowsky, Gr.-Strehlitz, Supra Silezio, Krakauerstr. 52 b.

---

# Kroniko.

**Ĉeĥoslovakujo.** En Praha Sro F. Zelenka aranĝis Esperanto-kurson por katolikoj. — En kunveno de katolikoj en Praha la ĉef-sekr. de la kata „popol-partio“, Sro Stašek parolis pri la fondo de „Ika“ kiel defendilo kontraŭ la juda, liberpensula, framasona Internacio. Koncerne la nuna situacion de la kataj Irlandanoj la kunvenintaro decidis, sendi al Sro S. Ceallaigh jenan telegramon: Katolika popolo, kunveninta en la Ĉeĥoslovakŭja ĉefurbo Praha, entuziasme salutas la naciajn Irlandajn martirojn kaj esprimas la plej profundan simpation al ilia sankta batalado por nacia libereco kaj ŝtata memstareco. (A. B. laŭ „Lid“.)

**Francujo.** En Lyon Sro J. B. Bertrand organizis konferencon en la kvartalo de laboristoj; ĉeestis 200 personoj, krom ili infanoj, por aŭskulti preskaŭ unuhoran paroladon pri Esperanto, kiun ili aplaŭde aprobis. 12 gramatikoj tuj estis vendataj kaj tiam oni en tiuj rondoj multe parolis pri nia lingvo. Sro Bertrand nun intencas aranĝi kurson inter katolikoj. — En Bourg-la-Reine Sro J. Muffang aranĝis servon por pruntedono de Espaj gazetoj, por kiu la hejmenprenanto pagas parton de la abonprezo. La gazetoj estas interŝanĝataj de la partoprenantoj post- po kelke da tagoj. Tiamaniere la kataj Esperantistoj en tiu urbo povas legi kelke da gazetoj Espaj sen tro grandaj elspezoj. Profito de tiu imitinda entrepreno utilos la propagandon de Esperanto.

**Germanujo.** En la kata grupo en München (Bavarujo) okazis la ĝenerala kunsido kun elekto de la estraro. 1a prez. estas nun la pastro Sro Lukas, 2a prez. Sro Hastreiter, 1a sekr. Sro Bernhard, 2a sekr. Fno Müller, kas. Sro Daunes. Propaganda komitato estis fondata. En diversaj katolikoj unuiĝoj propagandaj paroladoj pri Esperanto kaj „Ika“ estas aranĝataj. La adreso de la grupo estas: Sro Lukas, pastro en München, Viktualienmarkt 1/II. J. B.

**Hispanujo.** Dum Marto pasintjara la katolika studentaro, invitita de la kata studenta asocio el Freiburg, komencis organizi, por fondi katolikan studentan federacion en Hispanujo. En kvar provincoj: Granada, Leon, Segovia kaj Valencia jam estas organizitaj pli ol 1700 federacianoj, kaj dum Januaro nunjara la studentaro el pluaj kvin provincoj organizis 6000 anojn. La komitato laboras, por ke en la fino de la nuna jaro la tuta katolika studentaro en Hispanujo estu organizita kaj aliĝinta al la internacia katolika studentaro en Freiburg. P. Pl.

**Nederlando.** En Nijmegen la Esperanto-movado bone progresas. Instruinspektoro el Java partoprenis en kurso de Pro Preller, por fari ekzamenon. Pro Preller fondis klubon en Roermond kaj revivigis la klubon en Kerkrade fonditan de li antaŭ unu jaro. Dudek katolikaj policistoj intencas viziti la ĉiusabatajn kunvenojn Esperantistajn. Ĉe religiaj fratinoj ĉiudimanĉe kelke da knaboj kunvenas, por lerni nian lingvon. Inter 26 kandidatoj por Esperanto-ekzameno estis tri blindulinoj, kiuj mirinde respondis. La tuta blindulinejo De Wijnberg baldaŭ estos Esperantista. La prezidanto de la unuiĝintaj metiaj societoj konsilis al la anoj, emaj, lerni nian lingvon, ke ili enskribigu sin por kurso de Pro Preller.

---